## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Centra Oficejo: 12, Boulevard du Theâtre,
Genève (Svislando)

*Universala Esperanto-Asocio* celas:

Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

*Universala Esperanto-Asocio* konsistas:

El sepmil membroj diverslandaj.

El 1.200 Delegitoj kaj Vicdelegitoj en la ĉefaj lokoj, kiuj respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo.

El Komitato, elektita de la Delegitoj, el Centra Oficejo, el teritoria organizo, ktp.

*Universala Esperanto-Asocio* laboras:

Por konstrui centron de esperantista agado bone ordigita kaj forta. Konsiderante, ke internacia organizo estas necesa al lingvo internacia la lasta kongreso oficialigis U. E. A. kiel la tutmondan organizaĵon de individuaj esperantistoj.

## ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre,
Ginebra (Suiza)

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.

Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.

Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.

Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.

La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1 200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.

En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

3.ª Epoko * N.º 107 Aprilo * 1926

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## VI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

### (DEL 30 DE MAYO AL 6 DE JUNIO), MADRID

Existe gran entusiasmo para asistir a este Congreso entre los esperantistas españoles. Sabemos que constantemente se reciben adhesiones de los *samideanos* de Vizcaya, Aragón, Cataluña, Andalucía y Valencia. Este Congreso, por su gran trascendencia, ha despertado mucha espectación. Los esperantistas madrileños, con el concurso de las autoridades, preparan grandes festejos que seguramente harán muy agradable la estancia en la Corte a los congresistas.

¡¡¡Esperantistas, adheríos inmediatamente!!!

En el número próximo, que aparecerá en la primera quincena de mayo, daremos las últimas noticias.

(Detalles y precios de los billetes para el viaje y excursiones, en el número anterior).

# Pensoj de D-ro. Carlos M. Cortezo

La frazo «ĉiuj homoj estas egalaj» estas malvera kaj maljusta, ĝi estas sekvo de mistika artifikaĵo aŭ de alia ne malpli malvera romantik-demokratia artifikaĵo. Tio, kion ni devas diri, estas: «intelekte kaj morale ĉiu homo estas kapabla je egaleco. La respondecon pro neatingado al egaleca nivelo havas la klasoj, kiuj, pro heredo, pro hazardo aŭ pro propra merito, regas la Ŝtatojn aŭ influas la popolamasojn.

---

La rivero volas esti nubo, kaj tion ĝi atingas por esti denove rivero.

---

La mirigantaj frazoj de la oratorarto, celante prezenti kiel verajn, la falsajn argumentojn, estas samaj kiaj estas la turniĝantaj elektraj lampoj, kiuj ĉe komercaj el montrejoj de vendistoj de malmultekostaĵoj, volas elbriligi per radioj de riĉaj ŝtonoj humilajn vitraĵojn.

---

La ambicio estas la ama apetito de la geniulo, kaj la avareco estas fivoluptemo de l' pseŭdokleruloj kaj senpotenculoj.

---

La perdo de la memoro estas feliĉo dum la maljuneco; ĉar la rememoroj, kiam ili alvokas pasintajn agrablaĵojn, kaŭzas melankolion; kaj kiam renovigas ĉagrenojn, ili returmentas la animon.

---

La bona ekzemplo donata de l' altranguloj estas devo kaj bonvolemo; kaj tiu, kiun donas la subuloj al tiuj, estas riproĉo kaj honto al ili.

---

La mono enhavas efektive specialan kaŝitan potencon. Simile al spongo el plateno ĝi agas per faro de ĉeesto donante nenion; mi konas multajn riĉulojn pri kiuj ĉiu scias esti nekapablaj doni kaj elspezi sindoneme eĉ unu peseton, kaj nur pro reputacio pri riĉeco ili estas influaj kaj povaj, ili havas admirantojn kaj sklavojn.

---

Talenta homo povas ne trovi aŭ celi okazon por elpruvi ke li estas tia; sed malsaĝulo ĉiam havas okazon kai favorajn rimedojn por elpruvi sian stultecon.

---

Multaj personoj konfuzas ideon pri la antaŭa parto de veturilo kun la malantaŭa; ili vidas ruli la ĉaron de iniciativo, ili saltas en la postaĵon de la ĉaro, kaj kiam ĉi tiu alvenas al sia destino, la saltinto supozas, ke ili gvidis la ĉaron.

# Kritikoj kaj konfeso

Al la redaktoraro de LA SUNO HISPANA.

Valencio.

Karaj samideanoj kaj amikoj:

Vi ĉiuj scias, ke la ĉefa instigilo por vera esperantisto ne estas iaj memamaj, egoistaj motivoj, sed la nura sincera inklino servadi al la progreso de nia komuna afero. Tio, mi ripetas, tute ne estas nekonata de vi, mem veraj sindonemaj prioniroj kaj batalantoj nelacigeblaj. Tial estas nia komuna kordeziro apliki ĉiujn rimedojn iel taŭgajn por vasta propagando. En unua loko kompreneble troviĝas nia gazeto, LA SUNO. Sed, karaj kamaradoj, vi konsentas certe kun mi pri tio, ke ĝi ankoraŭ ne atingis la supron de plejebla perfekteco. Kaj mi ne parolas pri absoluta perfekteco. El la aspekto de la numeroj mi konkludas, ke la manuskriptoj ne abundas, male, ke la nutraĵo de LA SUNO estas malmulta kaj rilate al kunlaboraĵoj kaj rilate al kunhelpo.

Ne koleru min pro mia libera kritiko. Kiel mi jam diris supre, gvidas min malegoistaj deziroj por antaŭenpuŝo de nia movado. Tamen, mia kritiko estus nur duona, se mi ne aldonus kelke da konsiloj pri la afero kritikita. Laŭ mia opinio oni devus iom ŝanĝi la formon kaj aspekton de LA SUNO. Jen miaj ideoj:

I$^{a}$ parto (ĝenerala). Sur la titolpaĝo estu artikolo *hispanlingva* pri temo el la movado nacia aŭ internacia; ĝin sekvu artikolo *esperanta* pri propagando, instruo, organizo k. t. p.

II$^{a}$ parto. Esperanto movado enlanda. *Detala, dulingva.*

III$^{a}$ parto. Esperanto movado eksterlanda. *Resuma dulingva.*

# Críticas y confesión

A los redactores de LA SUNO HISPANA.

Valencia.

Queridos correligionarios y amigos:

Vosotros todos sabéis que el principal incentivo de un verdadero esperantista no son ciertos motivos de amor propio, egoístas, sino la sola y sincera inclinación de servir al progreso de nuestro objetivo común. Esto, lo repito, no es desconocido para vosotros, verdaderos desinteresados campeones e infatigables luchadores. Por eso es nuestro común y cordial deseo aplicar todos los remedios que de alguna manera sirvan para una amplia propaganda. Claro es que, en primer lugar, se encuentra nuestro periódico LA SUNO. Pero, queridos camaradas, ciertamente estaréis de acuerdo conmigo en que todavía no ha alcanzado la cima de la posible perfección. Y no hablo de la absoluta perfección. Por el aspecto de los números saco la conclusión de que los manuscritos no abundan; al contrario, que la nutrición de LA SUNO es escasa, tanto con relación a la colaboración como a la ayuda.

No os encolericéis conmigo por mi libre crítica. Como ya he dicho arriba, me guían mis desinteresados deseos para el progreso de nuestro movimiento. Sin embargo, mi crítica sería solamente a medias si no añadiese algunos consejos acerca de la cosa criticada. En mi concepto, se debería cambiar algo la forma y aspecto de LA SUNO. He aquí mis ideas:

1.$^{a}$ parte (general). En la página del título vaya un artículo *en castellano* con tema sobre el movimiento nacional o internacional: siga a este un artículo en *esperanto* acerca de propaganda, instrucciones, organización, etc.

2.$^{a}$ parte. Movimiento esperantista nacional. *Detallado en los dos idiomas.*

3.$^{a}$ parte. Movimiento esperantista en el extranjero. *Resumido en ambos idiomas.*

IV^a^ parto. Sciigoj de H. E. A. kaj regionaj federacioj. *Unulingve.*

V^a^ parto. Diversaj komunikoj (Radio, scienco, k. t. p.). *Unulingve.*

VI^a^ parto. Bibliografio, recenzoj. *Unulingve.*

VII^a^ parto. Ĉiama aldono: *Studo kaj Amuzo.* Instruaj artikoletoj pri lingvaj, literaturaj temoj; poemoj. Mallongaj provlaboraĵoj de komencantoj, kompreneble jam iom lertaj. Ŝercoj. *Laŭeble dulingve.*

Tiŭ plano supozigas ioman pligrandigon, sed mi estas certa, ke Suno Hispana en nova vesto akirus ankaŭ novajn amikojn-abonantojn. Intensa propagando por ilin akiri estas nepre farinda.

Vi vidas, ke mi rompas vian sistemon de senescepta dulingveco de la teksto. Ĝi estas iom peza kaj, laŭ mia opinio nur necesa en la partoj II^a^ kaj III^a^. La eksterlando devas koni nian movadon, pro tio esperanta traduko; ni povu facile utiligi eksterlandajn sukcesojn por nia gazetaro, tial hispane. Kaj ankaŭ por la VII^a^ parto konvenas apuda traduko, ĉar ĝi estu la ekzercejo por komencantaj kaj jam progresintaj esperantistoj.

Jen mia projekto. Sendube ĝi enhavas erarojn, sed ĝi estas *volo al ago.*

Vin ĉiujn kore salutas via

J. Berger.

4.ª parte. Noticias de H. E. A. y federaciones regionales. *Un idioma.*

5.ª parte. Comunicaciones diversas (Radio, ciencias, etc.). *Un idioma.*

6.ª parte. Bibliografía, críticas, *Un idioma.*

7.ª parte. Adición constante: *Estudio, pasatiempo.* Articulitos instructivos sobre temas lingüísticos o literarios; poemas. Ensayos cortos de principiantes, claro es que ya algo diestros. Bromas. *En lo posible bilingüe.*

Este plan supone algún aumento de tamaño, pero yo estoy cierto que La Suno Hispana, con vestido nuevo, adquiriría también nuevos amigos suscriptores. Una intensa propaganda para adquirirlos es de todo punto necesaria.

Veis que rompo vuestro sistema de dos idiomas sin escepción en todo el texto. Es algo pesado, y en mi opinión sólo necesario, en las partes segunda y tercera. El extranjero debe conocer nuestro movimiento, para eso la traducción esperanta; nosotros podemos fácilmente utilizar los éxitos extranjeros para nuestra prensa, por eso en castellano. Y también para la séptima parte conviene la traducción adjunta para que sirva de ejercicio para principiantes o esperantistas ya en progreso.

He aquí mi proyecto. Sin duda contiene errores, pero muestra mi *voluntad de hacer.*

Cordialmente os saluda a todos vuestro

J. Berger.

## NOTOJ DE LEGANTO

Mi legis en pasinta numero de La Suno ke «legante la naciajn ĵurnalojn oni remarkas kun doloro ke krom malmultaj sciigoj pri societa vivo, la tuta cetera parto estas plenigita de ŝteloj, trompoj, murdoj k. c. kaj tio ne okazas kiam oni legas la esperantan gazetaron».

Tioĉi estas feliĉe, konsolvero. Sed bedaŭrinde estas ankaŭ certe ke en iaj es-

## NOTAS DE UN LECTOR

He leído en un número pasado de La Suno que leyendo los periódicos nacionales se observa con dolor que, aparte unas pocas noticias relativas a la vida social, toda la parte restante se llena con robos, engaños, asesinatos, etc., y esto no ocurre cuando se lee la prensa esperantista.

Esto es felizmente una verdad consoladora. Pero, por desgracia, es también

perantaj gazetoj ĉitio aperas kune de videbla malspriteco, mankas en ili literaturaĵoj kaj la malfeliĉaj gelegantoj ne trovas en la gazetpaĝoj pli ol *Regularo de K. Y. Z.*, *Trideksesa universala Kongreso*, *Kvardeknaŭa iberia Kongreso* kaj *Solena malferma kunsido*. Kompreneble, tiuj, kiuj tion legas, tediĝas unue kaj forlasas poste la neinteresajn legaĵojn. Ĉu ne estus eble fari pli spritajn, pli interesajn, pli amindajn tiujn esperantajn gazetojn?

Oni povas kaj oni devas certe publikigi la sciigojn pri Kongresoj, regularoj kaj similajn; tio estas preskaŭ necesa, sed... ne nur per pano la homo vivas, kaj nedube, la kleraj legantoj kaj la ĉarmaj legantinoj de esperantaj gazetoj dezirus vidi apud tiuj artikoloj, kiuj rilatas al la Kongresoj, aliajn amuzajn artikolojn pri literaturo.

Ĉu mi ne estas prava, ĉarmaj legantinoj? Ĉu vi opinias kiel mi kleraj legantoj?

MALINO.

Februaro, 1926ª.

cierto que en algunos periódicos esperantistas esto aparece junto con visibles torpezas: faltan en ellos asuntos literarios y los infelices lectores y lectoras no encuentran en las páginas del periódico más que *Reglamento de K. Y. Z.*, *Trigésimo sexto Congreso universal*, *Cuadragésimo nono Congreso Ibérico* y *Solemne sesion de apertura.* Se comprende que los que eso leen, primero se aburren y abandonan después la insulsa lectura. ¿No sería posible hacer los periódicos esperantistas más ingeniosos, más interesantes, más dignos de amor?

Ciertamente se pueden y se deben publicar noticias relativas a Congresos, reglamentos y otras semejantes; esto es casi necesario; pero... no sólo de pan vive el hombre, y sin duda, los ilustrados lectores y las encantadoras lectoras de periódicos esperantistas desearían ver, junto a esos artículos relativos a los Congresos, otros artículos literarios más amenos.

¿No estoy en lo cierto, encantadoras lectoras? ¿No opináis como yo, ilustrados lectores?

MALINO.

Febrero, 1926.

---

Kun granda estimo kaj danko ni publikigas la suprajn leterojn de nia kara samideano el Kordovo S-ro. Berger kaj de nekonata sed certe aminda samideanino. Ili entenas kritikojn absolute merititajn, kaj ni plene konsentas kun le geverkintoj ke LA SUNO HISPANA ne nur trairas sian vojon malproksime de tiu aspireginda perfekteco al kiu tutkore celas la redaktoroj, sed ankaŭ ni estas certaj ke niaj kapabloj neniam sufiĉos por tiomgrada supereco. Tial, sincere kaj publike, ni konfesas nian kulpon, petegante relativan pardonon, se ni ĝin meritas.

Con gran estimación y agradecimiento publicamos las cartas que anteceden de nuestro querido correligionario de Córdoba, Sr. Berger, y de desconocida, pero ciertamente amable correligionaria. Contienen críticas absolutamente merecidas, y nosotros estamos de completo acuerdo con los autores en que LA SUNO HISPANA no sólo atraviesa su camino muy lejos de tan codiciable perfección, la que de todo corazón anhelamos los redactores, sino que también estamos ciertos de que nuestra capacidad nunca tendrá grados suficientes para tal superioridad. Por eso, sincera y públicamente confesamos nuestra culpa, suplicando un relativo perdón, si es que lo merecemos.

Ni estas idealistaj homoj, kiuj sentante en sia koro la fajron de la interna ideo de Esperanto, kaj vidante ke en Hispanujo restis senmova kaj en danĝero de

Nosotros somos hombres idealistas que, sintiendo en nuestro corazón el fuego de la interna idea del Esperanto y viendo que en España estaba inmóvil y

forgeso la verda flago, intencis ĝin flirtigi, por ke ĝi estu videbla el ĉiu flanko, kaj subtenata de harditaj pioniroj estu alportata al fina venko, por la bono de l' homaro... Jen la kaŭzo, kiu instigis nin reflamigi LA SUNO'N HISPANA'N konsciante pri la graveco de la entrepreno kaj la sensignifa efiko de niaj pigmeaj fortoj.

en peligro de olvido la bandera verde, hemos intentado ondearla para que fuera visible de todas partes, y sostenida por esforzados campeones fuera llevada a la victoria final, para bien de la humanidad... He aquí la causa que nos instigó a inflamar de nuevo LA SUNO HISPANA, con plena consciencia de la importancia de la empresa y de la insignificante eficacia de nuestras fuerzas de pigmeos.

Tio-ĉi estas la idealo, sed... ni estas homoj. La idealo plenigas la kapon, disfaligas ĉiujn barojn, platigas plej akrepintajn montojn, plene satigas la kordezirojn..., nur la stomako rifuzas tian nutraĵon kaj ni, vole nevole, devas perlabori ĉiutage la necesan panon por subaĉeti ĝian silenton. Jen estas la kaŭzo, kiu devigas nin malsupreniri el la idealaj sferoj kaj okupiĝi pri fruktodonaj laboroj.

Esto es el ideal, pero... somos hombres. El ideal llena la cabeza, derriba todos los obstáculos, allana los más agrestes montes, sobresatura los deseos del corazón..., solamente el estómago rehusa tal alimento, y nosotros, quieras o no, hemos de ganar diariamente el pan para sobornar su silencio. Esta es la causa que nos obliga a descender de las esferas ideales y ocuparnos de trabajos remuneradores.

Tamen, ĉu ni devas forlasi la entreprenitan idealan taskon? Tute ne. Kun plena fido, arda fervoro kaj obstina volo ni jam komencis la trian jaron de nia reapero. Absolute pravas niaj kritikantoj, sed ni devas diri ke ofte dum tuta monato ni ne povis dediĉi plenan horon al gazeta laboro, aŭ devis ĝin forŝteli al dormo, eĉ al troega deviga okupado, kaj aperas numero kiun nur unu el ni povis aranĝi kaj ordigi.

Sin embargo, ¿debemos abandonar la tarea ideal emprendida? En absoluto, no. Con plena confianza, ardoroso entusiasmo y obstinada voluntad hemos empezado ya el tercer año de nuestra reaparición. Tienen sobradísima razón los que nos critican, pero nosotros debemos decir que con frecuencia, durante todo un mes, no hemos podido dedicar una hora completa al trabajo del periódico, o hemos tenido que hurtarla al sueño y hasta a la excesiva ocupación obligatoria, y aparece algún número que solamente uno de nosotros ha podido arreglar y ordenar.

Certe pri tio ne estas kulpaj la kleraj legantoj kaj amindaj legantinoj, sed ni ne povas ŝanĝi la cirkonstancojn kaj ne ekzistas alia rimedo... ne, ne, ni eraras, la rimedo ekzistas, estas okulvideble klara, instruis ĝin al ni la kritikantoj: la plano montrita de S-ro. Berger, kvankam ni ne konsentas en la formo kun ĝi, estas tre inda je efektivigo ĉar ĝi almenaŭ montras bondeziron; certe LA SUNO HISPANA ornamita per tiomvaloraj verkaĵoj meritus nacian kaj eĉ fremdan estimon, malfermante pordojn, cerbojn kaj korojn por penetrigo de nia sankta idealo, la trium-

Ciertamente de esto no tienen culpa los cultos lectores y amables lectoras, pero nosotros no podemos cambiar las circunstancias y no hay otro remedio..., no, no, nos equivocamos, el remedio existe, está visiblemente claro, nos lo han enseñado los que nos critican: el plan trazado por el Sr. Berger, aunque en la forma no estamos de acuerdo con él, es muy digno de realización, porque al menos muestra un buen deseo; ciertamente LA SUNO HISPANA, ornamentada con valiosas producciones, merecería la estima nacional y hasta extranjera, abriendo

fo de Esperanto estus pli kaj pli proksima... haltu idealisto, viaj revoj malpermesas al vi kalkuli la soldatojn kaj la armilojn; revenu al materia mondo kaj vi vidos ke la kompatindaj nunaj redaktoroj de LA SUNO nek posedas kapablojn nek liberan tempon dediĉotan al tiu honoriga laboro.

Ja ni tion ankaŭ devas konfesi sed..., ĉiam restas espero, kaj la idealo finfine venkas la materion: en Esperantujo estas multaj spertaj verkistoj, kiuj bonege, flue kaj korekte posedas nian helplingvon; kial ne iu el ili prenas sur sin la taskon plenigi fakon, kaj tiamaniere la laboro rezultus pli facila, kaj la gazeto pli interesa, pli aminda? La kritikantoj mem bonege verkas kaj sendube ne estos tropeza ŝarĝo alporti al nia modesta redakcio sian altvaloran kunhelpon: ial ni estas esperantistoj kaj denove malfermas la koron al espero de proksima perfektigo, dank' al niaj sindonaj kunlaborontoj.

Firme ni deĵoras en nia posteno, kiun ni absolute ne intencas forlasi; ĉiam prenas sur niajn ŝultrojn la materian laboron, la ĉiaman deficiton kaj respondemecon, nur rezignas sur niajn redaktorajn helpantojn la meriton esti plibeligintaj nian karan gazeton.

LA REDAKCIO.

puertas, cerebros y corazones para la penetración de nuestro santo ideal, el triunfo del Esperanto estaría más y más próximo..., detente idealista, tus ensueños te impiden contar los soldados y las armas; vuelve al mundo material y verás que los compasibles redactores de LA SUNO ni tienen capacidad ni tiempo libre que dedicar a tan honroso trabajo.

Ciertamente hemos de confesar esto también, pero..., siempre queda una esperanza y el ideal vence a la materia: en el mundo esperantista hay muchos expertos autores que poseen a la perfección, con fluidez y corrección, nuestro idioma auxiliar; ¿por qué alguno de ellos no toma a su cargo la tarea de llenar una sección y de esta manera el trabajo resultaría más fácil, y el periódico más interesante, más amable? Los mismos que nos critican escriben muy bien, y sin duda no sería carga demasiado pesada aportar a nuestra modesta redacción su valiosa cooperación; por algo somos esperantistas y de nuevo abrimos el corazón a la esperanza de una próxima perfección, gracias a nuestros desinteresados colaboradores.

A pie firme guardamos nuestra posición, la que de ningún modo intentamos abandonar; siempre tomamos sobre nuestros hombros el trabajo material, el constante déficit y la responsabilidad; sólo declinamos sobre nuestros ayudantes redactores y redactoras el mérito de haber embellecido nuestro querido periódico.

LA REDACCIÓN.

---

**No debe faltar ningún esperantista a nuestro VI Congreso nacional, pues en él se discutirán asuntos de gran importancia para el resurgimiento del Esperanto en nuestra Patria.**

---

## BASES PARA UN CONCURSO DE FRASES ESPAÑOLAS CON PALABRAS ANFIBOLÓGICAS Y SU TRADUCCIÓN AL ESPERANTO

La base *quinta* del anuncio publicado en el número anterior de esta revista, página 35, referente al citado concurso, se entenderá adicionada en la siguiente forma:

«*Quinta.*—El premio consistirá en setenta y cinco pesetas (o más si se recaudaran—probablemente serán ciento) para los trabajos que se presenten en los días 10, 11 y 12 de mayo próximo venidero».

---

Se hace esta adición, atendiendo a que el Congreso ha de empezar el día 30 de mayo y precisa que los pliegos se presenten en la primera quincena del mismo mes, para que el Jurado pueda examinarlos con tiempo suficiente para conceder el premio dentro de dicho mes y que pueda entregarse en la sesión de clausura del Congreso, que se celebrará probablemente el día 6 de junio siguiente.

Para que los concursantes conozcan el acuerdo del Jurado, se publicará en los periódicos diarios, de no poderlo hacer en La Suno Hispana.

---

# AKADEMIO

## EL CIRKULERO AL LA LK-ANOJ

Estas nun en presado la *itala*, *hispana* kaj *portugala* partoj de «Oficiala Klasika Libro».—Poste aperos la partoj holanda, dana, sveda, rusa, pola, greka, kataluna, hungara k. a.

* * *

Kelkaj Esperantistoj plendas, ĉar la Akademio ne eldonas mem plenan Vortaron, ian Vortaregon. Post D-ro. Zamenhof mi ripetas, ke tia ne estas la tasko de la Akademio. Vole nevole *oficialaj* estas ĉiuj prilingvaj decidoj de niaj Lingvaj Institucioj. Se, trograndigante sian rolon, ili prenus sur sin «fari» la lingvon kaj enkonduki mem novajn radikojn, tia agado baldaŭ naskus, okaze de ĉiu novaĵo, senfinajn diskutojn inter Akademianoj, inter Lingvaj Komitatanoj, inter Esperantistoj. La jam sufiĉe grava rolo de la Lingvaj Institucioj estas konservi la Zamenhofan, Fundamentan lingvon, kontroli ĝian evoluadon kaj la pliriĉiĝon de ĝia vortaro, fine oficialigi tion, kio — estante konforma al la fundamentaj principoj — post praktika uzado montris sin vivkapabla kaj necesa. Oni aliparte ne forgesu, ke la ĉefa fonto de la «neologismoj», por Esperanto, kiel por ĉiuj niaj modernaj lingvoj, estas la teknika vortaro, kiu iom post iom influas la komunan lingvon, kiel la scienco mem la ĉiutagan vivon.

Ĉu tio signifas, ke oni ne devas kuraĝigi la sindonajn homojn, kiuj prenas sur sin gravajn, plenajn enketojn pri nia lingvo? Certe ne, ĉar iliaj laboroj metode kondukitaj, kvankam ne oficialaj, povos iam alporti plej grandan utilon, plej efikan kunlaboradon al niaj oficialaj Lingvaj Institucioj.

Ĉu tio signifas, ke la Akademio rifuzas sian direktadon, siajn konsilojn al la verkistoj, al la Esperantistoj, kiuj ŝanceliĝas antaŭ aŭ inter novaj terminoj? Certe ne, kaj la tre kompetenta Direktoro de la «Sekcio pri Komuna Vortaro», Prof. Grosjean-Maupin, estis kaj estas ĉiam preta, kun granda sindonemo, doni la petitajn sciigojn al tiuj, kiuj jam sin turnis al li kaj al tiuj, kiuj devus, pli ofte ol ili faras, sin turni al li. Tre prave kaj energie li insistis pri la danĝero enkonduki senpripense en nian komu-

nan lingvon neologismojn kaj formojn duoblajn por sama ideo! Oni relegu, en «Oficiala Klasika Libro», paĝ. 3: «Konsiloj pri enkonduko de novaj vortoj».

* * *

Kvankam eble kelkaj malice mallaŭdos la ĉiaman ripeton de samaj konsiloj, mi denove imitos la romanan censoron kun lia «Delenda Carthago!», kaj finos per tiuj vortoj:

«Nur per unueco, karaj Samideanoj, ni venkos».

Unueco estas ebla nur per severa disciplino de ĉiuj «akceptita en lingvaj demandoj kaj pri *ĉiu* detala punkto». Tion mi ne plu ripetus, se mi estus konvinkita, ke fine ĉiuj same opinias sed...

*Eĉ guto malgranda konstante frapanta traboras la monton granitan!*

Tre kore kaj fidele via

TH. CART,

Prezidanto de la Lingva Komitato
kaj de ĝia Akademio.

## KANDIDATOJ PREZENTITAJ DE LA AKADEMIO

**Eliranta membro:**

S-ro. *Stroele.*—Recenzas konstante en la gazeto «Esperanto» la aperintajn verkojn.

**Adresoj de la gekandidatoj:**

*Bennemann* Paul, instruisto, Sophienplatz 6, Leipzig (Germanujo), germano.

*Ĉernohvostov* Georgo, komercisto, Alberga (Finnlando), ruso.

*Döhler* Walter, studkonsilisto en Supera Reallernejo, Rosenplatz 11, Riesa a. E. (Germanujo), germano.

*Dresen* Helmi, urba oficistino, postkast 6, Tallinn (Estonio), estonino.

*Ellersiek* Friedrich, eldonisto kaj redaktoro, Wilmsstr. 5, Berlin SW 61 (Germanujo), germano.

*Grau Casas* Jaume, oficisto, Claris, 72, Barcelona (Hispanujo).

*Grenkamp Kornfeld* S., ĵurnalisto, num: 4, Rue de Vaugirard, Paris VI (Francujo), polo.

*Grot* Edgaro, ĵurnalisto kaj urboficisto, Elizabetes ielà 9, dz. 33, Rigo (Latvio), latvo.

*Karolczyk* Stanislaw (pseŭd.: *Eska)*, direktoro de la gazet-oficejo, Krolewska 19, Warszawa (Polujo), polo.

*Kostecki* Jan, juristo, adreso nuna: 2, Rue Perronet, Paris VII, konstanta: Dluga 28, Warszawa (Polujo), polo.

*Kreuz* Robert, redaktoro, ĝenerala sekretario,de ICK. 15, Chemin Furet, Genève (Svisujo), germano.

*La Colla* Stefano, oficisto ĉe Regna Arkivo, via Paolo-Amato 2, Palermo (Italujo), talo.

*Pillath* Friedrich (pseŭd.: *Zanoni)*, komerca rajtigito (ĉe firmo Krupp), Sommerburgstr. 38, Essen (Germanujo), germano.

*Rosselló Ordines* Josep, nacia instruisto, str. Miguel Santandreu 23-1.°, Palma de Mallorca, Balearaj Insuloj (Hispanujo).

*Scott* Herbert M., A. B., muzikinstruisto, 1.312, Purdy Avenue, Moundsville, West Virginia (Usono), usonano.

*Waringhien* Gaston, agregaciulo, profesoro en la Liceo Tourcoing, 17, Place Simon-Vollant, Lille (Francujo), franco.

## LA DRAPO

*Juvelist', bonvolu diri*
*pri necesa la arĝentkvanto*
*por vi juveligi kison*
*de virin' al demandanto?*

Pri vi mi pensis sinjoro,
ĉar mi scias, ke tio pri
estas granda via scio,
por vi grava la laboro:
al mi kison de la koro
donis fianĉin' gracie;
ĉar mi amas ŝin pasie,
estu ĝi por mi juvelo,
ĉu l' arĝenton por la celo?
*diru juvelist', konscie.*

Havu vi laboron vian,
eĉ pripensu la grandecon,
ne mezuru la ĝustecon
per la via buŝ' en ŝian:
de l' arĝento proporcian
kvanton juĝas mi malmulta;
sed ĉi tio malokulta
estas al vi; diru, gravas,
Juvelkiso ja min ravas
*ĉu l' arĝentokvanto multa?*

Kvankam buŝo delikata
donis kison, estis brue,
tial ke min kisis ĝue
belulin' frenezamata
tre gracia kaj laŭdata.
Juvelisto, veron diru,
el la via buŝ' eliru,
ne min kalkulante riĉa,
arĝentkvanto la sufiĉa
*por la kis'. Ne mi sopiru!*

Bone vi kalkulu mendon:
ne grandegan sumon; male,
vi ĉagrenos ŝin fatale
kaj mi havos grandam plendon,
vi konsciu rekomendon:
ĉar afer' tre malfacila
estas, estu vi subtila
streĉu vi l' inteligenton
igi kison en arĝenton
*de la fianĉin' ĝentila.*

Jen iu el kantoj de l' «Popolkantaro Panoĉo» (Murcia), ankoraŭ tre populara

## EL PAÑO

*Diga usted, señor platero:*
*¿cuánta plata es menester*
*para engarzar un besico*
*que m' ha dado una mujer?*

Señor platero, he pensado
que usted lo sabrá engarzar,
por eso le vengo a dar
esta obrita de cuidado:
A mí un besico me ha dado
mi novia, con gran salero,
engarzarlo en plata quiero
porque soy su fiel amante;
¿qué plata será bastante?,
*diga usted, señor platero.*

Engarzarlo a usted le toca,
y también el discurrir
el tamaño, sin medir
su boquita con su boca:
yo pienso será muy poca
la plata que entrará en él;
pero usted debe saber
y decirme, pues me importa,
para engarzar un beso,
*cuánta plata es menester.*

Aunque su boca es chiquita
el beso recio sonó,
pues con gusto me lo dió
una mujer tan bonita,
de tanto garbo y sal fina.
Señor platero, usted diga
sin faltar a la verdad,
ni teniéndome por rico,
la plata que ha de gastar
*para engarzar el besico.*

Piénselo usted bien pensado,
porque, si gasta de más,
mi niña se enojará
y yo quedaré agraviado:
el negocio es delicado,
y da mucho en qu' entender;
por eso le advierto a usted
que vaya con cuidadico
al engarzar el besico
*que m' ha dado una mujer.*

He aquí uno de los cantos del «Cancionero Panocho» (Murciano), aún muy

en la kamparo de Lorca (Lorka), kiu devenas de l' fino de la XVI^a jarcento, kaj kiu kune kun la ceteraj mi ĵus tradukis por, kun permeso de l' Aŭtoroj, eldoni ilin esperante, akompanante melodiojn kaj muzikskribaĵojn, formante la II^an volumeton de mia «Hispana Biblioteko-Esperanta», kiun ricevos senpage la membroj de H. E. A., abonintaj ĉi-tiun gazeton baldaŭ. Same ili ricevos la sekvontajn volumetojn.

JULIO MANGADA ROSENÖRN.

popular en la campiña de Lorca y que viene de fines del siglo XVI, y que en unión de los restantes acabo de traducir para, con permiso de los Autores, editarlos en esperanto, acompañando las melodías y escritos musicales correspondientes, constituyendo el II tomito de mi «Hispana Biblioteko-Esperanta», que recibirán gratis los miembros de H. E. A., suscritores de esta revista, en breve plazo. Igualmente recibirán los sucesivos tomitos.

---

# Sciigoj pri la esperanta movado en Barcelono

La pasintan aŭguston estis restarigita en Barcelono la «Barcelona Esperanta Grupo». Pruvo de la agemeco de ĝiaj elementoj estas la jenaj faktoj, okazigitaj de aŭ per la dirita Grupo, depost ĝia restarigo:

I. Inaŭguracio de Kurso de Esperanto, sub la aŭspicioj de B. E. G., en la grava instrua institucio «Colegio-Academia Torner», el Barcelono. La kurso komencis la 5^an de oktobro kaj, pro la nombro kaj kvalito de ĝiaj elementoj, promesas esti tre fruktodona; ĝi konsistas el tri partoj: elementa, supera kaj kompletiga (tiu ĉi lasta estos dediĉata al studoj pri literatura kritiko, poezio, k. t. p., kaj estos gvidata de nia samideano S-ro. Rocamora). La du unuaj partoj estas gvidataj de nia samideano sinjoro J. Anglada, de la B. E. G.; por la elementa parto kvankam la Kurso estas por plenaĝuloj, oni uzas kun granda sukceso la novan verketon «Elementos de Esperanto» de S-ro. F. Soler.

II. Starigo de la Kunlabora Subkomitato de la VI^a Nacia Kongreso de Esperanto en Hispanujo, okazonta en Madrido proksiman printempon. La Kunlabora Subkomitato en Barcelono por Katalunujo, estas formata de la jenaj anoj de B. E. G., sinjoroj R. S. Rocamora, F. Gorgues, J. Anglada, L. Batet, P. Mayol, M. de J. Naranjo kaj J. Torner kaj de la eks-delegito de Hispana Esperantisto, S-ro. F. Piñol.

III. Elekto de la Barcelonaj Delegitoj de Hispana Esperanto-Asocio, nome: sinjoro R. S. Rocamora, advokato kaj supera instruisto kaj S-ro. F. Piñol, eks-delegito de U. E. A.

IV. Ankaŭ pro la ĵus farita propagando de B. E. G., estis restarigita la Grupo «Esperanta Aŭroro», ĉe kiu ĵus komencis elementa Kurso de Esperanto sub la gvidado de nia samideano L. Batet, de la B. E. G.

V. Organizo de solena kunsido por festi la malfermon de la cititaj kursoj kaj la restarigon de «Barcelona Esperanta Grupo» kaj «Esperanta Aŭroro», okazonta ĉe la «Colegio-Academia Torner»; la ĝusta dato ne ankoraŭ estas fiksita.

## ESPERANTO, LINGVO DE RADIO

Ĉiuj niaj legantoj certe konscias pri la graveco de la nuna propagando de Esperanto ĉe radiistoj. Necese estas, ke ni esperantistigu multajn radiistojn kaj, por tio, ke ni igu por ili Esperanton utila. Ankaŭ, ni devas radiistigi kiel eble plej multajn Esperantistojn montrante al ili, kiel facile kaj interese estas konstrui mem radio-ricevilon, por ke multaj el niaj samideanoj aŭskultu la sendojn de la radio-stacioj kaj povu instigi ilin al uzado de Esperanto aŭ gratuli ilin pro ĝia uzado.

Tial ni kun ĝojo salutas la aperon de la unua numero de *Internacia Radio Revuo*, monata organo de «Internacia Radio-Asocio». Dank' al ĝi Esperanto utilos ne nur al nunaj Esperantistoj, kiuj trovos en ĝi ĉiajn konsilojn necesajn, por konstrui mem malkare radio-aparatojn, sed ankaŭ al radiistoj ankoraŭ ne esperantistoj, kiuj legos en ĝi internaciajn informojn alie ne haveblajn, se nur ili konsentos dediĉi tre malgrandan penon al ioma lernado de Esperanto.

*Internacia Radio Revuo* ja celas kontentigi jenajn kategoriojn de legantoj:

1-e Esperantistojn, kiuj interesiĝas pri Radio, pri uzado de Esperanto en Radio, kiuj volas propagandi Esperanton inter radiistoj aŭ deziras fariĝi radio-amatoroj;

2-e Komencantajn radio-amatorojn, bezonantajn sisteman gvidadon en ilia laboro, emajn, ekkoni la teorion, la «misterojn» de Radio, solvi multajn dubindajn problemojn, kiujn ili renkontas dum sia laboro;

3-e Spertajn radio-amatorojn, kiuj volas trovi la kronikojn de la tutmonda radio-movado, analizojn de plej interesaj

## EL ESPERANTO IDIOMA DE RADIO

Todos nuestros lectores ciertamente se dan perfecta cuenta de la importancia de la actual propaganda del Esperanto entre los radioístas. Es necesario que hagamos Esperantistas a muchos radioístas y, para eso, que hagamos útil para ellos el Esperanto. También debemos hacer, en cuanto sea posible, radioístas a muchos Esperantistas, exponiéndoles cuán fácil e interesante es construir por sí mismos aparatos radioreceptores, para que muchos de nuestros correligionarios escuchen las emisiones de las estaciones de Radio y puedan inducirles al empleo del Esperanto o felicitarles por su uso.

Por este motivo saludamos con regocijo la aparición del primer número de la *Revista Radio Internacional*, órgano mensual de la «Radio-Asociación Internacional». Gracias a ella el Esperanto será útil, no sólo a los actuales Esperantistas, quienes encontrarán en ella toda clase de consejos necesarios para construir económicamente, por sí mismos, aparatos de Radio, sino también a los radioístas todavía no Esperantistas, los cuales leerán en ella informaciones internacionales en otra quizás no contenidas, si solamente acceden a dedicar un muy pequeño esfuerzo al estudio de un poco de Esperanto.

La *Revista Radio Internacional* se propone, en efecto, contentar a las siguientes categorías de lectores:

1.ª A los Esperantistas que se interesan acerca de la Radio, sobre el uso del Esperanto en Radio, que quieren propagar el Esperanto entre los radioístas, o desean hacerse radio aficionados;

2.ª A los radio-aficionados que comienzan, que necesitan una guía sistemática en su labor, que empiezan a conocer la teoría, los «misterios» de Radio, deseosos de resolver muchos problemas dudosos, que encuentran en su trabajo;

3.ª A los expertos radio-aficionados, que quieren encontrar la crónica del movimiento mundial de Radio, los análisis

artikoloj el la tutmonda radio-literaturo, lastajn novaĵojn kaj inventojn.

La unua numero entenas interalie originalan artikolon pri propagiĝo de la elektro-magnetaj ondoj, verkitan de nia fama malnova samideano, profesoro Mesny; konsilojn pri diversaj metodoj por instalado de antenoj; detalan priskribon de malmultekosta facile konstruebla ricevaparato; unuan artikolon el teoriaj babiladoj «Paŝo post paŝo»; humoran felietonon «Zoologia studo pri la radioamatoro»; artikolojn de la ĉefredaktoro D ro. P. Corret, pri la propagando de Esperanto ĉe radiistoj kaj pri la Esperanta teknika radio-vortaro; detalan kronikon de la radiista kaj radi-esperantista movado, k. t. p. Bela kovrilo kaj multenombraj ilustraĵoj certe ne malplaĉos al la legantoj.

La unua numero estos *senpage* sendata al ĉiu esperantisto, kiu mendos ĝin de la eldonisto, sendante samtempe, por la sendelspezoj, unu internacian respondkuponon (por Francujo unu 30-centiman poŝtmarkon). Nepre mendu ĝin, ĉar dank' al ĝi vi povos tre malmultekoste konstrui vian propran aparaton.

La abonprezo por unu jaro estas nur duon-dolaro. Via esperantista devo estas aboni, por subteni la tiel gravan propagandon de Esperanto ĉe radiistoj, samtempe havigante al vi tre interesan kaj fruktodonan legaĵon.

La abonmendojn sendu laŭ adreso: «Internacia Radio Revuo», E. Chiron, eldonisto, 40, rue de Seine, Paris - 6e.

de los más interesantes artículos de la radio-literatura mundial, las últimas novedades e inventos.

El primer número contiene, entre otros, un artículo original sobre propagación de las ondas electro-magnéticas, escrito por nuestro eminente y antiguo correligionario, el profesor Mesny; consejos sobre diversos métodos de instalación de antenas; la descripción detallada de un aparato receptor poco costoso y de fácil construcción; el primer artículo de charlas teóricas, «Paso tras paso»; un humorístico folletín, «Estudio Zoológico sobre los radio-aficionados»; artículos del redactor-jefe Dr. P. Corret, sobre la propaganda del Esperanto entre los radioístas, y sobre el diccionario Esperanto-técnico de Radio; una detallada crónica del movimiento radioísta y radioesperantista, etc., etc. Una bella cubierta y numerosas ilustraciones, seguramente no desagradarán a los lectores.

El primer número será remitido gratuitamente a todo esperantista que lo solicite del editor, enviando al mismo tiempo, para los gastos de envío, un cupón-respuesta internacional (para Francia 0'30 céntimos en sellos de correos). Encargadla sin falta porque, gracias a ella, podréis construir económicamente vuestro propio aparato.

La suscripción para un año es solamente medio dólar. Vuestro deber de esperantista es abonaros, para sostener tan importante propaganda del Esperanto entre los radioístas, adquiriendo al propio tiempo para vosotros una lectura muy interesante y provechosa.

Enviad los encargos de abono a la dirección: «Internacia Radio Revuo», E. Chiron, editor, calle del Seine, 40, París, 6.ª

---

**¡Esperantistas!, acudid a nuestro Congreso nacional, aprovechando las grandes rebajas de trenes que hemos conseguido. No faltéis.**

# Recenzo

Nova gazeto: *Portugal Esperanto*, organo oficiala de la Portugala Asocio de Esperanto, rua da Graça, 31 — Lisboa. — Januaro. Num. 1 — Jaro 1.— 16 paĝa, 26/18 cm.

Jen bela revuo, kiu aperas kiel pruvo de ekzistado de veraj esperantaj fortoj ĉe niaj karaj najbaraj samideanoj, kiuj ĵus organizis la *Associaçao Portuguesa de Esperanto*. Redaktita en Esperanto kaj nacia lingvo, ĝi enhavas tre bonajn artikolojn, kiel verkitajn de ĝiaj directoro kaj sekretario, S-ro. Luzo Bemaldo kaj Saldanha Carreira, kaj de aliaj spertaj samcelanoj, kiuj estas garantio por la progresiga vivado de la revuo.

Tre longa ni ĝin deziras al tiu nova kunfrato en la esperanta gazetaro kaj ni tutkore salutas ĝin, akceptante kun ĝojo la interŝanĝon kun nia gazeto.

---

*Verdkata Testamento*, de Raymond Schwartz.—Centra Librejo Esperantista, 51, rue de Clichy, París.—128 paĝoj, in-16; prezo (inkluzive afranko), 10 francaj frankoj = 2'50 pesetoj.

Jen alia bela libro versverkita: bela, ĉar, ĝi estas gaja, juna, bonhumora, kaj ankaŭ bela, ĉar ĝiaj versoj estas faritaj per majstra facileco kaj taŭga maniero alpruntita al la pritraktataj ideoj. Tio estas la ĝenerala impreso, kiu kaptas nin de la komenco ĝis la fino de la verketo, ĉar tiel rimoriĉa, kiel ritmovaria, ĝi agrable subtenas nian intereson dum la tuta tralegado.

Sed ĉu tio ĉi signifas ke la verko estas senpeka kaj tute perfekta? Ni tiom ne volas diri, ĉar ni ne staras antaŭ verko tute serioza, pure literatura aŭ filozofia, sed nur antaŭ ŝerca, sprita libro je senpeza legaĵo, kaj pro ĝia naturo, eble la aŭtoro trouzas la vortliberecon kaj la

# Crítica literaria

Nuevo periódico: *Portugal-Esperanto*, órgano oficial de la Asociación Portuguesa de Esperanto, rua da Graça, 31 — Lisboa.— Enero. N.º 1 — Año 1 — 16 páginas, 26/18 cm.

He aquí una bella revista, que aparece como prueba de que existen verdaderas fuerzas esperantistas entre nuestros queridos vecinos correligionarios, que acaban de organizar la *Asociación Portuguesa de Esperanto*. Redactada en Esperanto y en lengua nacional, contiene muy buenos artículos, como escritos por su director y secretario, Sres. Luzo Bemaldo y Saldanha Carreira, y de otros expertos *samideanos*, que son garantía de progresiva vida para la revista.

Muy larga se la deseamos a este nuevo compañero en la prensa esperantista y le saludamos de todo corazón, aceptando con gozo el cambio con nuestro periódico.

---

*Verdkata Testamento:* de Raymond Schwartz.—Librería Central Esperantista, 51, calle Clichy, París.—128 páginas en 16.º; precio (comprendido el franqueo), 10 francos franceses = 2'50 pesetas.

He aquí otro hermoso libro escrito en verso: hermoso, porque es alegre, joven, humorístico, y también hermoso, porque sus versos están hechos con magistral facilidad y manera adecuada, aplicada a las ideas a quienes se dedica. Esta es la impresión general, que nos cautiva desde el principio hasta el fin de la obrita, pues tan rica en rimas, como en variados ritmos, mantiene agradablemente nuestro interés durante toda la lectura.

Pero, ¿significa ésto que la obra es impecable y perfecta del todo? Tanto no queremos decir, pues no nos hallamos ante una obra completamente seria, puramente literaria o filosófica, sino tan sólo ante un libro ingenioso y en broma, de ligera lectura, y por su naturaleza,

ideoludon, kiuj iafoje ŝajnas tuŝi al sensencaĵo... Kaj tio estas pardoninda, se oni atentas ĉiam al la karaktero kaj al la intenco de la versaĵoj.

Ekzemple, kiam oni legas tiujn titolitajn *Epikuraca kanto*, *verŝu do glason da biero!*, k. a., oni devas ĉiam memori, ke la aŭtoro parolas tute plenŝerce kaj malserioze, ĉar kontraŭe la konkludo estos malfavora por li.

Kontraste li montras sian spritecon kaj kompetentecon ĉe aliaj multaj versaĵoj, kiel *La bona peranto*, *Pa-sportaĵoj*, *Esperanta Eliksiro*, *Grafo Dormanski* kaj precipe ĉe la tri lastaj el la libro: *Pli rev' ol vero!*, *Literatura reviviĝo* kaj *Festeno*.

Do entute ĝi estas tre rekomendinda verketo, kiu sendube estos multenombre aĉetata, juste pagante tiamaniere la bonintencon de la aŭtoro, kiu celis precipe iom ĝojigi la koron de la leganto.

quizá el autor abusa de la libertad de palabras y del juego de ideas, que algunas veces parecen tocar en la insensatez... Y ésto es perdonable, si se atiende siempre al carácter y a la intención de las composiciones.

Por ejemplo, cuando se leen las tituladas *Epikuraca kanto*, *Verŝu do glason da biero!*, y otras, se debe siempre recordar que el autor habla completamente en broma e informalmente, pues de lo contrario la consecuencia sería desfavorable para él.

En cambio, muestra su ingenio y competencia en otros muchos versos, como *La bona peranto*, *Pa-sportaĵoj*, *Esperanta Eliksiro*, *Grafo Dormanski*, y principalmente en los tres últimos del libro: *Pli rev' ol vero!*, *Literatura reviviĝo* y *Festeno*.

En resumen, pues, resulta una obrita muy recomendable, que sin duda será comprada en gran número, pagando así en justicia la buena intención del autor, que tendió sobre todo a regocijar algo el corazón del lector.

---

# SCIIGOJ

### Kordovo

«La Kordova Esperanta Grupo» daŭrigas siajn kunvenojn ĉiujaŭde posttagmeze.

Oni komentas favore la agadon de nia samgrupano S-ro. Azorín kiu publikigas, jam de unu jaro ĉiusemajne seninterrompe, esperantajn notojn kiel resumon de la movado en la mondo. Tiaj notoj kiuj aperas marde en la madrida ĵurnalo *El Socialista* estas legataj interese de granda nombro de hispanaj laboristoj.

Nia sperta samideano S-ro. Berger, preskaŭ finas la tradukon de la famkona-

# NOTICIAS

### Córdoba

«Kordova Esperanta Grupo» continúa sus reuniones todos los jueves a mediodía.

Se comenta favorablemente la obra de nuestro camarada Sr. Azorín, que publica, desde hace un año, semanalmente sin interrupción, unas notas esperantistas como resumen del movimiento en el mundo. Tales notas, que aparecen los martes en el diario madrileño, *El Socialista*, son leídas con interés por gran número de trabajadores españoles.

Nuestro experto *samideano* Sr. Berger, está casi terminando la traducción

ta verko de Pérez Galdós *Gloria*, kiun intencas eldoni esperante la kordovaj samideanoj.

J. S. O.

---

de la famosa obra de Pérez Galdós, *Gloria*, la cual intentan editar en esperanto, los esperantistas cordobeses.

---

Multe progresas nia afero en Meksiko. Laŭ kelkaj tieaj ĵurnaloj oni klopodas por ke la lernado de Esperanto estu enkondukita en la programon de Komercaj studoj. Celante altiri la atenton kaj fari propagandon pri tiu-ĉi punkto, sinjoro D-ro. Antonio Blandina paroladis dum lasta februaro ĉe Akademio «Minerva» (Avenida Brasil, núm. 64), pritraktante la temon: «Esperanto kaj la Komerca kariero». Li estis atente aŭskultata de multenombra ĉeestantaro, inter kiu li tre bone semis la fruktodonontan grajnon. La meksika ĵurnalo *Excelsior* favore raportas tiujn konferencojn kaj klopodojn.

---

Mucho progresa nuestra causa en Méjico. Según algunos periódicos de allí, se trabaja para que el aprendizaje del Esperanto sea incorporado a los estudios de Comercio. Con el fin de atraer la atención y hacer propaganda sobre este punto, el Dr. D. Antonio Blandina pronunció varios discursos en febrero último en la Academia «Minerva» (Avenida Brasil, número 64), desarrollando el tema: «Esperanto y la carrera Comercial». Fué atentamente escuchado por numerosa concurrencia, entre la cual sembró perfectamente la semilla que ha de fructificar. El diario mejicano *Excelsior* relata favorablemente estas conferencias y trabajos.

---

La orienta esperanta gazeto *La Verda Lumo*, de Shanghai (Ĥinujo), multe pliboniĝis depost sia novembra numero. Ĝi konsistas en du apartaj eldonoj: Esperanta kaj ĥinlingva. La unua — nomata eldono B — eliras ĉiutrimonate kun 16 paĝoj 25/18 cm., enhavas bonajn artikolojn pri literaturo, ĥina vivo, Esperantismo, k. t. p. kaj estas difinita precipe al neĥinaj samideanoj. La alia eldono — nomata A — eliras samtempe kaj estas ekskluzive ĥina eldono dediĉata al propaganda celo en tiu lando, komprenebla presita per la *facillegeblaj* kaj pentrindaj signoj de la ĥina skribaĵo. Tio multe ebligas la presadon de la gazeto kaj ankaŭ la abonado, ĉar oni povas ĝin fari aparte por unu aŭ alia eldono aŭ por ambaŭ.

Ĉio tio ĉi montras ke nia afero forte enradikiĝis en tieaj civilizacioj, kie energie laboras niaj flavrasaj samideanoj, kiujn ni kore gratulas.

---

La revista oriental esperantista *La Verda Lumo*, de Sanghai (China), ha mejorado mucho desde su número de noviembre. Consta de dos ediciones independientes: En esperanto y en lengua china. La primera — llamada edición B — sale al público trimestralmente, con 16 páginas de 25/18 cm.; contiene buenos artículos sobre literatura, vida en China, Esperantismo, etc., y está destinada principalmente a los *samideanos* no chinos. La otra edición — llamada A — se publica al mismo tiempo y es exclusivamente una edición china, dedicada a la propaganda en aquel país, impresa naturalmente en los *facilísimos* y pintorescos signos de la escritura china. Esto facilita mucho la impresión del periódico y también las suscripciones, pues pueden hacerse por separado para una u otra edición o para ambas.

Todo esto demuestra que nuestra causa ha arraigado fuertemente en aquellas civilizaciones, donde trabajan con energía nuestros *samideanos* de raza amarilla, a quienes felicitamos cariñosamente.

---

TIPOGRAFÍA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta korespondi aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj presaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

**Comité Central Internacional del movimiento esperantista**

12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-Schl.

*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.

*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.

*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L'Isle, 35, rue Sommerard, París, V.

*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s' Gravenhage.

## Konsilantoj

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.

*Ameriko:* E. Legrand, Montevideo.

## Administrado

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.

*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

# HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

(Asociación Esperantista Española)

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.

*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral. A. Madrid.

*Tesorero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.°, Madrid (10).

# FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, núm. 23, Ateneo, Valencia.*